# Aŭstraliaj Esperantistoj


## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**PLENUMITA 24/08/2017 Tricent-tridek-sesa eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;


*Google Translate* *Plena Ilustrita Vortaro* *Esperanta Retradio*

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au



Ekstudis pli ol **984,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo per la angla lingvo. (Ekde la 28a de Majo 2015) https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

Ankaŭ ekstudis pli ol **190,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde la 26a de Oktobro 2016)

**Ĝis nun 1,174,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo**

## La gramatikaj (lingvaj) kategorioj. G.



Ĉar oni devas scii ĉu verbo, aŭ ĝia radiko, estas transitiva aŭ ne, oni devas lerni tion. Lerni tion estas plej ofte tre facila afero, ĉar oni en la uzado ofte tuj konstatas al kiu grupo verbo apartenas, penante ĉu Objekto konvenas.

Transitiva verbo indikas agon, kiu necese devas efiki sur ion alian, kion oni tiam nomas la Objekto, en etnaj lingvoj la Rekta Objekto. Ekzemploj estas "ricevi", ĉe kio devas ĉeesti io kion oni ricevas, kaj kompreni, ĉar devas ĉeesti io, la gramatika Objekto, kion oni komprenas. Ne malofte oni uzas verbon transitivan sen mencii la Objekton, kiu tamen ne malestas, ekz. "Ni manĝos frue" kaj "Ni aŭskultis dum ni maldormis", ĉar ni ne povas manĝi se ne ĉeestas io manĝebla, kaj ni ne povas aŭskulti se ne ĉeestas sono aŭskultebla.

Netransitivaj verboj indikas agon kiu ne bezonas nek povas transiri al io, ekz. "Ili ripozis sub arbo". Tiaj verboj ne povas havi ĉe si gramatikan Objekton.

La Objekto ĉe transitiva verbo ricevas la finaĵon "-on" aŭ "-ojn", se ĝi estas substantivo. Ekz. "Mi deziras pomon", sed "Mi deziras foriri" kaj "Li atendas tro multe".

(daŭigota) *Marcel Leereveld.*



# “Malgrava historieto pri mia vivo” (Bob Felby)

## Nun AE kopias la tutan libreton iom post iom ĝis la fino.



## Bona rakonto kaj bona Esperanto

**Ĉapitro 2, Mi plenkreskiĝas, fariĝas laboristo kaj esperantisto** (4a ero)

Poste la saman jaron, Reinhard iris aristokrate al Kopenhago per la vagonaro. Li restis ĉe mi kaj miaj gepatroj kelkajn semajnojn, lernis la danan kaj eĉ abonis unu el la danaj tagĵurnaloj.

En la ŝipkonstruejo mi renkontis multajn esperantistojn. Estis pli ol dudek da ili, oni povus, se oni volus, “manĝigi porkojn per ili”, kiel oni diras dane. Ili ĉiuj apartenis al la Laborista Esperanto-Klubo de Kopenhago. Unu el ili estis t.n. “garantianto”. Li devis garantii ke ŝipo estas perfekta, antaŭ ol la asekura kompanio Lloyd’s akceptos asekuri ĝin.

Li invitis min surŝipen por renkonti rusajn ŝipposedantojn, kaj mi parolis kun kelkaj el ili en Esperanto.

Post tio okazis en 1953 la 38-a Universala Kongreso de Esperanto en Zagrebo. Mi provis bicikli de Kopenhago tien, sed kompreneble neniam sukcesis. Mia biciklo ne estis sufiĉe forta por la longaj vojoj en Germanujo, kaj fine mi decidis reiri al Kopenhago.

Alveninte al Grossenbrode mi surŝipiĝis sur grandan pramŝipon, kiu veturos al Danlando. Sur la ferdeko staris grandega ŝarĝaŭtomobilo kun postveturilo. Ĝi estis el Svedujo, kaj mi decidis ne plu bicikli, sed veturi kun la svedo al Kopenhago.

Fine mi trovis la svedan ŝoforon. Li staris trinkante varmegan kafon en la kaftrinkejo de la pramŝipo. Kompreneble mi ne sciis, ke li estas svedo, kaj mi ankaŭ ne sciis, ke li estas la posedanto de la ŝarĝaŭtomobilo. Sed en la varmego de la kaftrinkejo mi deprenis mian pluvmantelon videbligante mian Esperantostelon.

Vidinte la stelon la svedo tuj demandis, “Ĉu vi estas esperantisto ?”

“Jes,” mi respondis, “kaj mi serĉas la posedanton de la grandega ŝarĝaŭtomobilo el Svedujo”.

“Ĝi apartenas al mi”, li respondis.

Ĉu mi rajtas kunveturi kun vi al Kopenhago ?” Mi demandis. Tio memorigas vin pri la unua rakonto en “Paŝoj al plena posedo” de William Auld, ĉu ne ?

“Kompreneble”, li respondis.

Trinkinte plurajn tasojn da varmega kafo ni interkonsentis, ke ni renkontiĝos post kiam la pramŝipo alvenos al la haveno en Danujo. Li diris al mi, ke mi renkontu lin en la unua benzinvendejo en Danujo.

Estis ankoraŭ nokto kaj iomete malvarme, kiam mi vidis la ŝarĝaŭtomobilon en la benzinvendejo. Mi haltigis la biciklon kaj alparolis la svedon. Li diris ke pli bone estas atendi ĝis iom pli norde, tiam mi povos kuniri.

Poste li preterpasis min kaj haltigis la ŝarĝaŭtomobilon. Malferminte la malantaŭaĵon de la ŝarĝaŭto li enmetis la biciklon en ĝin, kaj mi ĝin ligis per ŝnuro al la plafono.

*Daŭrigota* *Bob Felby*



# *L i n g v a K v i z o . ( el AE335)*

*Antaŭ multaj jaroj mi disputis kun du famaj Akademianoj, Bertilo Wennergren kaj Donald Broadribb, pri la misuzo ante la Esperantan adjektivon "korekta". Laŭ mi ĝi ne signifas la anglan "correct" kiu signifas en Esperanto "ĝusta" (kaj la angla "just" signifas "ĵus" aŭ "justa", "morale aŭ leĝe ĝusta"). Uzi la adjektivon "korekta" (aŭ la adverbon "korekte") por "ĝusta" (-e) estas eraro. Mi montris tion al ili, per pruvoj, sed ili ne volis samopinii kun mi, verŝajne ne komprenante la aferon aŭ ne kuraĝante proponi ŝanĝon. Per deduktoj aŭ konkludoj ili penis pruvi ke ili pravis. Mi montris ke iliaj deduktoj estas eraraj, falsaj, kaj post tio ili ĉesis la diskuton sed tamen daŭrigis uzi "korekta" en la malĝusta senco. Mia nerefutita pruvo ke iliaj deduktoj estis falsaj signifis ke mia opinio pravis. La nuna kvizo por la legantoj de A.E. estas trovi kie kaj kial iliaj konkludoj eraris. Jen la dedukto de Wennergren: < korekti = senerarigi, do korekta = senerara >. Kaj jen la dedukto de Broadribb:*

*< Ĉar "falsa" prezentas la veron mensoge, do "korekta" prezentas la veron ĝuste. >*

*(En via respondo demandu vin kiel homo faras iun diraĵon falsa/korekta). Bonvolu indiki kial la du Esperantologoj malĝuste konkludis, kaj ke do la angla adjektivo "correct" devas en Esperanto esti la vorto "ĝusta", kaj ne "korekta". Sendu vian solvon de la kvizo al A.E.*

*Marcel Leereveld.*

# Respondo al la kvizo de Marcel

La respondo de Bertilo Wennergren estas "korekti= senerarigi korekta = senerara" laŭ la logiko " korekti estas senerarigi " la konkludo por korekta devas esti senerarigita

La respondo de Donald Broadribb :al la paro "falsa/korekta" mi preferas "falsa/vera". "Korekta vero" signifas ke la eraro de la falsa vero estis anstataŭigita per la veraj faktoj.

*Franciska Toubale*

Pri la uzo de *korekti, korekta* mi konsentas kun Marcel. Ekzemple, "Mi serĉas domon numero 71. Ĉu tiu estas la korekta domo?' estus laŭ mi malĝusta frazo. "Korekta domo" povus esti malliberejo, domo, kie oni "korektas" konduton. En la supra frazo oni uzu "ĝusta".

*Trevor Steele*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# L A Ĉ I S E M A J N A J M I A Ĵ O J .

## LA BATALOJ EN SOCIETOJ.

Estas proverba pravo, ke en societoj kaj en la socio demokrateco ĝenerale dependas ne de la forte aganta pordemokrata parto de societo, nek de la forte aganta diktatoreca parto de societo, ambaŭ malpli multaj ol 50%, sed precipe de la helpo de la silenta kaj neagema granda plejmulto de kutime neaktivaj kaj neŭtralaj "barilsidantoj". Kaj la historio montras al ni ke estas tiu neŭtrala mezo de la societoj kiu kaŭzas, pro siaj silento kaj malaktivo, ke en internaj bataloj en societoj la diktatoreca parto kutime venkas, malgraŭ la granda plejmulteco de la demokratecaj kaj neŭtralaj membroj kombinitaj. La silenta plejmulto de neŭtraluloj faras nenion por malhelpi la diktatoremulojn, kaj tial tiuj lastaj preskaŭ ĉiam

venkas. Rigardu en la historio la venkon de la diktatoroj en Francujo, en Hispanujo, en Germanujo, en Italujo kaj en Rusujo, kaj rigardu tian venkon en asocioj kaj kompanioj, kaj en kelkaj landaj Esperanto-organizoj.

Oni povas do diri, kaj proverbe diras, ke la malaktiveco de la neŭtraluloj preskaŭ ĉiam helpas la diktatorecon en landaj kaj lokaj societoj. Tiom ke ni ofte povas diri ke la neagantaj neŭtraluloj estas la amiko kaj la kaŭzo de la maldemokrateco. Ni havas la grandajn kaj la malgrandajn diktatorojn en nia socio kaj en niaj politikaj, komercaj, kaj aliaj societoj, kiuj diktatoremuloj alpropriĝas al si la potencon kaj tiel posedas niajn societojn. Do la demokratemuloj regule suferas pro la neŭtraluloj. Sekve mi emas malami la neŭtralulojn pli ol la diktatorojn. Ne nur en hitlera Germanujo kaj stalina Rusujo kaj en centoj da nuntempaj landoj, sed ankaŭ en niaj lokaj kaj idealismaj organizoj. *Marcel Leereveld.*

## DUSENCECO ĈE ADVERBO EN PREDIKATIVO.

Pasintan semajnon mi menciis, ke se la subjekto aŭ la objekto estas infinitivo aŭ suborda propozicio (angle subordinate clause, sentence), la predikativo devas laŭ Zamenhof esti adverbo, anstataŭ adjektivo en eŭropaj lingvoj. Mi menciis ankaŭ ke, ĉar tiu regulo estas malĝusta, en kelkaj frazoj tiu regulo kreas du kontraŭajn signifojn, kaj ke tiukaze Zamenhof konsilis uzi adjektivon (kiu cetere estas ĉiam la logika uzo). Jen kelkaj frazoj kiuj donus du signifojn se uzatas adverbo.

1). Venas ŝia naskiĝfesto kaj mi aĉetis surprizon por ŝi. Sed "Ŝi trovis bedaŭrinde, ke mi aĉetis peltaĵon por ŝi". Unua signifo: Ŝi antaŭ la naskiĝfesto bedaŭrinde trovis ĝin en mia ŝranko, do ke mi aĉetis ĝin, kaj tio do ne plu estis surprizo. Dua signifo: Ŝi trovis mian aĉeton esti bedaŭrinda, ĉar ŝi ne surhavos ĝin ĉar ŝi estas vegetarano.

2). "Ili juĝas malĝuste, ke la infano meritas punon". Jen la du signifoj: Unue ilia juĝo, ke la infano meritas punon, estas malĝusta. Due ili juĝas ke estas malĝusta fakto ke iu decidis ke la infano meritas punon. Do en la unua kazo ili estas kruelaj al la infano, kaj en la dua kazo ili estas malkruelaj al la infano.

3). "La knabo opiniis kontraŭregule, ke li povis jam hejmiri". Unua signifo: Estas kontraŭ la reguloj ke la knabo opiniis tion. Dua signifo: La knabo povis hejmiri kaj li opiniis tion esti kontraŭ la reguloj.

En ĉiu el la tri kazoj la unua signifo nepre postulas adverbon, kaj por la dua signifo Zamenhof tial konsilis uzi adjektivon, kontraŭ sia ĝenerala regulo. Lia konsilo kreas escepton, kaj Esperanto devas ne havi esceptojn. Konsekvence mi konsilis ĉiam uzi la adjektivon en la predikativo, kio estas ĉiam pli logika kaj neniam kaŭzas miskomprenon kaj ne kreas esceptojn al la regulo. Tiel ni ne nenioigas lian regulon, sed simple uzas alian regulon lian anstataŭe. Do ni plu respektas la Fundamenton.

*Marcel Leereveld.*

NOTO: Vera refoje korektis senescepte ĉiujn erarojn. Gratulojn!. *M.L.*



# PROFESIE PRESITAJ LIBROJ JAM EKDE 1 EKZEMPLERO!




La "Eldonejo Libera" kun gvido de Lode Van de Velde eldonas profesie presitajn librojn malaltkvante, kaj volas doni lokon en sia katalogo al ĉiu, kiu volas eldoni verkon en Esperanto. Se ankaŭ vi havas manuskripton kaj volas eldoni ĝin en libra formo, sendu ĝin al la eldonejo, kiu ofertas ankaŭ tantiemon. Pri la ISBN-numero pretas zorgi la eldonejo.
La eldonataj libroj estos aĉeteblaj en la granda retbutiko Amazon, kaj ankaŭ en la retbutiko de la eldonejo, kie troveblas jam dekduo de eldonitaj verkoj, inter ili ekzemple "Baza Kurso pri Fotografio" aŭ "Manĝeblaj sovaĝaj plantoj" ks.

Pli detalaj informoj estas troveblaj ĉe: http://e-libera.weebly.com
*Fejsbuka paĝo de la eldonejo:* https://www.facebook.com/Eldonejo-Libera-167436763613324
-------
***Ndlr:*** *Indas konscii, ke en preskaŭ ĉiuj landoj eldonantoj havas la devon sendi kelkajn ekzemplerojn (senpage) al sia Nacia Biblioteko (ekz. en Hungario 6 ekzemplerojn). Tio servas kaj la intereson de la ŝtato, kaj la interesojn de la eldonanto, ja tiel la libroj eniras en la oficialajn datumbazojn, kaj ili estos atingeblaj por esploristoj kaj arkivistoj.*
Szilvási László *Ret-Info / Lingvo-Studio, LS* *http://www.eventoj.hu* informis AE *Katja Steele*
★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★"

## Komuna kunveno de du Esperanto-kluboj ĉe Wyong, NSK

# La Esperanto-Klubo de la Centra Marbordo kaj Novkastela Esperanto-Societo



kunvenis ĉe Albert's Cafe, Wyong, Dimanĉon, la 20-an de Aŭgusto.

Ni bonvenigis novan esperantiston, Andrew Rose, kaj lian filinon. Li informis nin, ke (krom iom da studado per libro antaŭ multaj jaroj) li lernis Esperanton nur dum du semajnoj, per Memrise.

Ni decidis unue prezenti nin en Esperanto kaj, se (la nova) Andrew ne komprenos, li demandu tradukon aŭ klarigon. Poste ni diskutis diversajn aferojn, precipe la Festivalon Maitland Riverlights (en Februaro 2018) – en kiu la Esperanto-Federacio de NSK povus partopreni – kaj la venontajn lingvo-festivalojn en kaj ĉirkaŭ Sidnejo.
Niaj kunvenoj okazas ĉiumonate je la tria dimanĉo, inter 11:45 kaj 13:30. Ĉiuj bonvenas.

Por pli da informo, vidu la
retpaĝon esperantohouse.org.au/eo/events/cc/ aŭ www.meetup.com/Esperanto-in-Sydney/.

Raportis, kaj fotis, *Jonathan Cooper*



En la foto (de la maldekstro, kontraŭhorloĝdirekte): Eckhardt Roehrich, Dmitry Lushnikov, Joanne Cho, Alan Turvey, Andrew Rose kaj lia filino, kaj Andrew Spannenberg.





# La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm.

Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin.
La 19an de Aŭgusto venis la kutimaj kvin Esperantistoj, Roger, Chris, John, Eunice, kaj Ian.

*Mi ĉeestas tiun bonan Esperanto-klubon kaj raportas al AE pri la klubo.* *Roger Springer*



**Subtenu Vian**



**Novaĵleteron**





# Mi vizitis Melburnon.



Dum la semajnfino kaj de la 11a ĝis 15a de Aŭgusto, mi vizitis Melburnon.
La celo estis mia jara danc-kunveno (*Australian Clogging convention*) sed plue mi restis pro ebleco viziti 2 kunvenojn de la aktiva Melburna Esperanta klubo.
Dimanĉon posttagmeze, ili renkontiĝis en ACMI restoracio. Ege surprizis min la multaj ĉeestantoj, inter ili du junuloj, krome Tristan O'Leahy, Joanne kaj Peter Johns, Peter Williamson., Marumi Smith, Sandor Monostori kaj ankaŭ Heather Heldzingen .




Ni ludis ian retan ludon pri vortkonstruado kreitan de Peter Williamson. sed plejparte babilis. Por mi tre ĝuinda sperto.
La Lunda vespera renkonto estis pli 'serioza', dum Marcel instruis ian gramatikan eron, vizitis junulo kiu interesiĝis pri Esperanto sed tuj li komencis debati/klarigi kiel la gramatika ero akordis kun la Persa lingvo! Al mi plaĉis tia entuziasmo!
Ĉar Heather gastigis min (dankon al ŝi) mi povis senprobleme trankvile ĝui la tutan tempon!

*Indrani Beharry-Lall*



# Semajna raporto de Melburno



**DIMANĈA KUNVENO**

Dimanĉon la 20an de Aŭgusto ok homoj (inkluzive de unu komencanto) kunvenis ĉe ACMI Cafe & Bar. Ni babilis kaj multe ridis. La pli novaj ĉeestantoj faris lingvajn ekzercojn.

**LUNDA KUNVENO**

Lundon la 21an de Aŭgusto kvin homoj kunvenis ĉe Ross House. Ni babilis, kaj tradukis iom pli da *Mil kaj Unu Noktoj*.

**VENONTAJ KUNVENOJ**

| | |
|---|---|
| Sabaton 26an de Aŭgusto je 19:00 | Ludvespero, ĉe Alchemists Refuge, 328 Little Lonsdale Street |
| Dimanĉon 27an de Aŭgusto je 15:00 | Dimanĉa kunveno, ĉe ACMI Cafe & Bar, Federation Square |
| Lundon 28an de Aŭgusto je 18:30 | Lunda kunveno, ĉe Ross House, 247 Flinders Lane |

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup – 887 Instagram – 88

Facebook – 299 Telegram – 17

Twitter – 293

*Joanne Johns*



# NOVAĴOJ/OPINIONOJ VIAJ







Kio estas la teknologio H.A.A.R.P.? Ĉu por kontroli la naturon aŭ fortegan armilon?

**Timiga/pensema artikolo en la retradio kaj la reto** Klaku supre



*Roger Springer*

# PROGRAMO por esperantistoj kaj lernantoj

- Klasoj de Esperanto je du niveloj (gviditaj de Marc SCHMIDT kaj PARK Soohyean)
- Vespero de teatro kaj muziko
- Esperanto-ekspozicio
- Bankedo
- Ekskursoj
- Prelegoj pri Esperanto kaj aliaj temoj
- Jarkunveno de AEA
- Koncerto de Zhou Mack MAFUILA

La unua ero estos vespera kunmanĝo merkredon 28 Marto; la lasta ero estos la matenmanĝo de lundo 2 Aprilo.

Bonvolu konsulti aea.esperanto.org.au pri ĝisdatigo de eventoj, kaj konsultu Heather, se vi volas kontribui al la programo:

heather@melburno.org.au
+61 (0)3 9525 4295


Zhou Mack MAFUILA



PARK Soohyean

# PROGRAM

## for esperantists and learners

- Esperanto classes in two levels (guided by Marc SCHMIDT and PARK Soohyean)
- Evening of theatre and music
- Esperanto exhibition
- Banquet
- Excursions
- Lectures about Esperanto and other topics
- Annual General Meeting of the AEA
- Concert by Zhou Mack MAFUILA

The first event will be an evening dinner on Wednesday 28 March; the last event will be the breakfast of Monday 2 April

**The international language, Esperanto: the simplest language to learn!**

Use it to travel the world, or as a kick-starter for more difficult (and expensive!) languages. For more information on events, please visit:

aea.esperanto.org.au



# PROGRAM

## untuk esperantis dan peserta kursus

Acara pertama adalah makan malam pada hari Rabu, 28 Maret dan acara terakhir adalah makan pagi pada tanggal 2 April

- Kelas Esperanto dalam dua tingkat (Dipandu oleh Marc SCHMIDT dan PARK Soohyean)
- Malam seni teater dan musik
- Pameran Esperanto
- Banquet
- Jalan-jalan
- Presentasi Esperanto dan topik lainnya
- Rapat Tahunan
- Konser oleh Zhou Mack MAFUILA

**Bahasa internasional, Esperanto: bahasa yang sederhana untuk dipelajari!**

Gunakanlah saat bepergian ke berbagai negara atau menjadi 'kunci' untuk belajar bahasa yang lebih sulit (mahal!).


Marc SCHMIDT

**Loĝado ĉe Horison hotelo** - ĉambro kun tri manĝoj tage:
Akomodasi di Horison Hotel - kamar dengan tiga kali makan per hari | accommodation at Horison Hotel - room with three meals per day

**Por unu persono** — **tage AUD$75/€50/IDR 680,000**
untuk satu orang | for one person per day

**Bankedo** — **Pagu surloke**
Banquet — Pay onsite

**Aliĝkotizo** — **Eksterlandano - $AUD150/€100**
biaya pendaftaran | registration fee — orang asing | foreigner
**Studento - $AUD100/€70**
mahasiswa | student
**Indoneziano - IDR 400,000**
indonesia | indonesian

tage (malpli ol 4 tagoj) — **Eksterlandano - $AUD40/€30**
per day (fewer than 4 days) — **Studento - $AUD30/€20**

Infanoj malpli ol 16-jaraj, akompanate de plenkreskulo, aliĝas senpage
Anak di bawah 16 tahun, disertai oleh orang dewasa, berpartisipasi secara gratis | Children under 16 years of age, accompanied by an adult, participate for free.

| | $ |
|---|---|
| Loĝkostoj por ______ noktoj<br>akomodasi untuk malam #<br>accommodation for # nights<br>Datoj: __/__/__ ĝis __/__/__<br>tanggal \| dates sampai \| until | |
| Aliĝkotizo biaya pendaftaran \| registration fee | |
| Donaco donasi \| donation | |
| Sume total \| total | |

Bonvolu sendi tiun ĉi formularon kune kun ĉeko al:
Please send this form with cheque made out to:

"Melburno Esperanto AEA A/C"
Australian Esperanto Assoc.
C/- GPO Box 2122, Melbourne 3001

aŭ deponu bankpagon en la AEA-konton:
or bank deposit to the AEA account:

Commonwealth Bank
BSB: 063 104 Account No: 10477294

# ALIĜFORMULARO

registration form | formulir pendaftaran

Antaŭnomo ____________________
nama depan | first name

Familia nomo ____________________
nama keluarga | surname

Adreso ____________________
alamat | address

____________________

____________________

Telefono ____________________
telepon | telephone

Poŝtelefono ____________________
ponsel | mobile

Retadreso ____________________
email | email

Specialaj manĝbezonoj ____________________
permintaan diet makanan | dietary requirements

____________________

Mia kontribuo al la programo ____________________
kontribusi saya ke program | my contribution to the program

____________________

____________________

____________________

Demandoj aŭ komentoj ____________________
pertanyaan atau komentar | questions or comments

____________________

____________________

Bonvolu respondi frue, ke ni povu finaranĝi la loĝadon. Anticipan dankon.

Silakan segera mendaftar untuk kami dapat segera mengatur akomodasi.

Please respond promptly so that we can finalise the accommodation. Thanks in advance.

Se vi deziras ke viaj detaloj ne aperu en la kongreslibro, bonvolu informi nin.
Jika Anda tidak ingin data Anda muncul dalam buku kongres, silakan beritahu kami.
If you don't want your details to appear in the congress book, please let us know.

# KONGRESEJO

congress venue | lokasi kongres

Horison Hotel
Jl. KH. Noer Ali, Kayuringin Jaya, Bekasi Sel.,
Kota Bks, Jawa Barat 17148, Indonezio
Ph. +62 21 30028500





# SPECIALA GASTO

special guest | tamu istimewa

Humphrey Tonkin

Eksprezidanto de TEJO kaj UEA, brita-usona esperantisto Humphrey Tonkin prelegos.

Ex-president of TEJO and UEA, British-American esperantist Humphrey Tonkin will present several lectures.

Mantan presiden TEJO dan UEA, seorang esperantis Inggris-Amerika, Humphrey Tonkin akan menyampaikan kuliah umum



AŬSTRALIA ESPERANTO-ASOCIO
INDONEZIA ESPERANTO-ASOCIO
NOV-ZELANDA ESPERANTO-ASOCIO



**DUA TRILANDA KONGRESO DE ESPERANTO KAJ SOMERKURSARO**

kongres esperanto tiga negara dan kursus singkat

second trination esperanto congress and summerschool

28 Mar - 2 Apr 2018

**BEKASI, INDONEZIO**